# Internacia Fervojisto




Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo

ISSN 1397-4270

2017.4

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

# Fervojistoj en *Colmar*

## Karaj gelegantoj,

Karaj gelegantoj,

Nature la IFK en la unua postkongresa eldono ludas la ĉefan rolon. Al ĝi rilatas la impreskolekto komencanta sur paĝo 64. Al ĝi rilatas la protokolo pri la publika komitatkunsido. Kaj al ĝi rilatas sur paĝo 83la letero de leganto Martin Stuppnig, partopreninta ankaŭ ties diskuton.
Martin evidente spertis la atenton vekantan kvaliton de insigno kaj povas rakonti multajn anekdotojn pri informaj konversacioj kiujn ĝi instigis. Ili estas ekzemploj kuraĝigaj.
Similan efikon havas konversacioj en publiko, subaŭskultataj de najbaroj, kiuj hezitas komence, sed fine tamen volas scii, kiu lingvo tio estas, per kiu oni povas tiel bone amuziĝi.
Aŭ iu antaŭ la purigisto trovas „forgesitan" gazeton en la trajno kaj komencas ĝin deĉifri kun kreskanta intereso. Ankaŭ tio povas okazi.
Ni ne kaŝu nin, estas la senhezite subtenenda apelacio de Martin.
Ni ne impresu stranguloj nek sekto. Ankaŭ tion ni akceptu. Esti konvinkita pri la utilo de neŭtrala lingvo neniel estas stranga kaj ĝui la avantaĝojn de tiu kontaktojn faciliga rimedo ne faras ni sekto. Do ne necesas defendi sin kontraŭ kompatemaj komentoj.
Ni bonvenigas ĉiun kiu samopinias. Ni informas, kie oni tion permesas. Ni estas troveblaj, kie oni nin serĉas. Sed ni ne trudu, estas mia apelacio, ĉar konvinko anticipas malferman menson.
La ĉie ajn – ne nur en nia federacio - malkreskanta membraro ne kaŭzu panikon aŭ malesperon.
Ni aplikantoj konservas la lingvon kaj ĉiutage pruvas ĝiajn kapablojn. Tio estas nia plej bona argumento.



Amikajn salutojn

**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato

**Estraro de IFEF**
**Prezidantino:** Rodica Todor (Rumanio) rodica_todor@yahoo.com
**Sekretario:** Vito Tornillo (Italio) vitorni@virgilio.it
**Kasisto:** Laurent Vignaud (Francio) laurent.vignaud@free.fr
**Redaktoro:** Guido Brandenburg (Germanio) guido.brandenburg@t-online.de
**Gvidanto de la Faka Komisiono:** Jan Niemann (Danio) niemann@kabelmail.dk

**Membroj de la Redaktora Komisiono**
Lene Niemann (Danio), Jean Ripoche (Francio), István Gulyás (Hungario)

**Membroj de la Faka Komisiono**
D-ro Heinz Hoffmann (Germanio), Ladislav Kovář (Ĉeĥa Respubliko)

**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud”
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372




Ĉarma, agrabla, pitoreska – strato en la centro de Kaysersberg, unu el la ekskursoceloj

## Tagoj en muzeo

Multaj vojoj kondukas al *Colmar*. La nia – de Bodo kaj mi – sendas nin kiel transitajn vojaĝantojn tra Svisio. La stacidomo *Basel-SBB* prepariĝas por konsiderinda ŝanĝkonstruo. La kioskoj en la koridoroj estas jam malplenaj kaj malantaŭ la pordo al "*France*" bariloj kaj konstrumaterialo estas stokitaj ĉeflanke. Ŝildo sur ŝlosfermita budo demandas nin ĉu ni havas ion al la dogano anoncendan. Ni trapasas malplenan atendo-halon kun malplena bufedo, malplenaj lignobenkoj kaj murpentritaj Alpo-panoramoj.

Apud la franca kajo staras jam TER-motorvagono ne indikita en nia hora-ro sed tamen taŭga por ni. Mi haste faras foton pri la apartiga ŝaltsekcio en la kontaktlineo inter la svisa kaj la franca trakcikurentaj sistemoj (eble iam utila por la TeKu) kaj sekvas Bodo kaj mian kofron en la kupeon.

## Alveno

La celstacio altiras nian apartan intereson ne nur pro la salutgiĉeto, kie ni esperas renkonti la unuajn geamikojn (prave, en la halo atendas nin gaja triopo, je nia bedaŭro nur kun papero sur la bistroa tablo). La stacidomo ludos ĉefrolon en la fakaj prelegoj. Da antaŭ sekvi la mapon trapasinte la pordon ni unue turnas nin por lasi nin inspiri kaj fari du-tri bildojn.

Kofroj staras en la koridoro. Multvoĉe buliĝas la novalvenintoj. Andreo tamen trankvile trafoliumas siajn listoj, kalkulas sumojn, enkasigas biletojn kaj vokas kongresnumerojn. Monique same rutine elhokas la kongresdokumentojn el la kestaro kaj la sekvanta paro sidiĝas. La afero estas en bonaj manoj. Ricevinte mian ŝlosilon de la dommastro mi inspektas mian ĉambron kaj (sukcese) pripensas strategion kiel sen paŝi en la malfermitan kofron distribui ĝian enhavon. Mi iras refreŝigite antaŭ la hotelpordon kie staras jam grupeto de ni kaj babilas – sceno kiun eblos ofte observi dum la semajno. Ni interŝanĝas kelkajn novaĵojn kaj demandas kien do ni iru por vespermanĝi – demando regule aŭdebla dum la semajno (la hotelo ofertas nur matenmanĝon).



La stacidomo *Colmar* pozas en la sunlumo.

La estrarkunsido pro alvojaĝaj malglataĵoj estas strekita. Do la vespero ĉe la italo etendiĝas sen ŝarĝi la konsciencon.

## Malfermo

Grandformata kongresafiŝo ornamas la enirejon de *Catherinettes*, malnova, honorplena konstruaĵo, iam hejmo de dominikanaj monaĥinoj, hodiaŭ centro por kongresoj kaj eventoj (rigore) administrata de la urbo *Colmar*. En la enira halo severe rigardanta sinjorino etendas malluman torĉon, simila al tiu en la novjorka haveno. Ne multaj rezistas pozi kun ŝi por foto.

Ankoraŭ ne ĉiuj honoraj gasto estas alvenintaj, sed post duonhoro Rodica malantaŭ la tablo en la absido de la iama kapelo malfermos la kongreson.



Kongresfoto post la inaŭguro

La flago pendas, la salono pleniĝas kaj ĉiu kontente konstatas ke sidas pli da personoj en la publiko ol sur la podio. Ni semas bondezirojn kaj rikoltas salutojn, klopodas pri la himno kaj ĝojas, ke kun Grazia Barboni almenaŭ unu inter ni kapablas kanti.

En salono apuda jam atendas tablo kun glasoj plenaj da ŝaŭmvino kaj zorge pecigitaj, sukerumitaj kukoj bakitaj el feĉa pasto. Bongustaj sendube – sed la nomo incitas senfinajn diskutojn: Kougelhopf, Kouglof, Kougelhof, Kugelhof, Kugelopf, Kougelhupf, Kugelhopf, Kouglouf, Gugelhupf? Evidente jam tiu kuko simbolas la tutan lingvan kaj kulturan variecon (por eviti ”perturbon”) de la regiono.

Necesas klarigoj, detaloj el la historio, necesas atendi du pliajn tagojn ĝis la prelego de Edmond Ludwig, homo kapabla kun kapturna rapideco konduki laikojn kiel nin al ĉiuj decidaj okazaĵoj, kiuj formis Alzacon kaj ĝiajn enloĝantojn al tiuj kiuj ili estas hodiaŭ - prezento unu- kaj duonhora, ilustrita sole per anekdotoj - nekredeble. Edmond evidentiĝas vivanta enciklopedio.

Sed mi ne forgesu la traurban promenon kun Edmond kiel gvidanto, kie trabrilas jam lia profunda scio. Feliĉaj tiuj, kiuj estas rezignintaj pri la komforto sidi en strata trajneto kaj aŭskulti registritajn kvazaŭ elskatolajn komentojn per enorela aŭdilo.

**Distro**

Alzaco muzikanta kaj dancanta: *Vogesia* kiel grupo el tri klavo-virtuozoj kiuj sidantaj en la fono disponigas taktojn kaj melodiojn laŭ kiuj kvin paroj turniĝas en ronddancoj, kvadriloj, valzoj kaj pliaj grupdancoj. La memtajloritaj kostumoj reprezentas diversajn metiojn el urbo kaj vilaĝo

kaj zorgas por multkolora bildo. Ne timante bluajn makulojn la dancistoj kuraĝas inviti nin sur la scenejon kaj sekvi iliajn instrukciojn. Mi preferas observan pozicion kaj koncedas: La eksperimento estas sukcesa.
Tro malfacila tamen por ni amatoroj ŝajnas la kurioza (kiel diri ?) “ĉapel-interŝanĝa konkurso”: ĉapelojn en rondo meti de la propra kapo sur tiun de la antaŭulo, laŭ akcelanta takto. Tiu tasko evidente postulas profesiulojn.

**Faka agado**

IFEF-membroj estas fervojaj fakuloj kaj malpacience atendas ne nur la novan eldonon de la Fervojfakaj Kajeroj (dankon – Jan Niemann liveris), la demandojn en la Terminara Komisiono (13 terminoj detale diskutataj kaj 12 decidataj, la lasta estas retirata pro malklara difino) sed ankaŭ la fakprelegan programon.
La kontribuoj de niaj ĉinaj geamikoj, lokitaj ekster la fakprelega serio suferas pro memelektita koncizeco. Prezento pri la ekzempla apliko de informadiko en organizo de loĝistikaj procedoj superflugas la temon kaj ne donas ŝancon kompreni la defiojn. La duan prezenton – pri sanadministrado en fervojo - anstataŭas enmanigita afiŝkolekto. Mi bedaŭras la preterlasitan ŝancon kaj atendas la unuan fakprelegan blokon. Ĝin enkondukas *Odense*, dana grandurbo kun 200.000 enloĝantoj kaj 45.000 studentoj, kiu estas realiganta la *Letbane*-projekton. La „leĝera metroo” malstreĉigu la trafikan situacion en la centro kaj interligu la sude situantan universitaton kun norde evoluanta nova loĝkvartalo. La projekto estas ekzemplodona pro la lerta informa strategio celanta integron de la koncernataj enloĝantoj. La klarigoj de Jan Niemann vekas sopirojn pri renesanco de la regiona reltrafiko. Ankaŭ esperiga estas la informa filmo pri la novkonstruo de la linio *Dresden (Heidenau) – Praha*,



La leĝera metroo en Odense fariĝu prioritata enurba trafikilo. (Bildo: Odense Letbane)

kiun sinkronigis kaj kunportis Ladislav Kovar. Ĝi ilustras la planojn pri grandrapida linio aldona al la ekzistanta, laŭ traceo kiu permesas redukton de la vojaĝtempo de aktuale 135 al 50 minutoj kaj donas spacon al kargaj kaj regionaj trajnoj. Kaj fine Zlatko Hinst per nombroj kaj bildoj komentas la situacion en kaj ĉirkaŭ la ŝarĝita fervoja nodo *Zagreb*, kie Kroatio post jaroj da stratprioritato planas konsiderinde investi. La ĉefprelegoj meritas apartan lokon kaj devas ankoraŭ atendi.


Dekstramana kavaliro – klopodo pri klarigo

„Kial dekstre en Alsaco kaj Loreno?” estas la demando prilumata de Laurent Vignaud kiu celas la trafikan flankon de dutraka fervoja linio. „Kial ĝenerale dekstre aŭ maldekstre?“ Multaj tezoj kaj nur unu deviga vero: „Iam necesis reglamento kaj la koncerna duko/ reĝo/imperiestro/papo tion decidis. “Pri la maldekstraflanka trafiko en Francio kulpas la britoj, kiuj evoluigis kaj eksportis fervojon la unuaj. Pri la dekstraflanka kulpas oportuneco kaj la germanoj. Adapto al unu aŭ alia regulo kaŭzus nur senutilajn kostojn por ŝanĝi la pozicion de la signaliloj. Do ĉio restas kia ĝi estas. Plie modernaj dutrakaj linioj ekspluatas ambaŭ trakojn en ambaŭ direktoj (kaj plej modernaj tute ne plu havas signalilojn).

Kaj kio pri la stacidomo de *Colmar*? Je la komenco Pierre Grollemund ordigas kelkajn faktojn. Ĝi ne estas konstruita laŭ la samaj planoj kiel tiu de *Gdansk*. Sed ambaŭ kun iom da fantazio similas al tendra vaporlokomotivo. Decida diferenco estas la tegmento: tegola en *Gdansk* kaj ardeza en *Colmar* kaj jen la ĉefakcento de la prelego. Per desegnaĵoj kaj detalobildoj Pierre lerte instruas niajn okulojn, kiuj kutime direktiĝas antaŭ niajn piedojn dum ni strebas atingi nian trajnon. Konsilo estas: Forlasu la domon duonhoron pli frue kaj atentu pri la tegmento. Admiru kiel faksciaj tegmentistoj estas solvintaj la problemojn de tegmentovaloj, pupitraj lukoj kaj gutrandoj. Kiu ne scias respekti tion ne miru pri akvogutoj de la plafono.

## Muzeoj




Ne malproksime, en najbareca *Mulhouse*, sur tereno de iama varstacio la franca fervojo instalis la plej grandan fervojan muzeon de Eŭropo. „Plej granda de Eŭropo“ nur estas unu el pluraj atributoj almezurendaj, kvankam mankas al mi la superrigardo por formi propran opinion. La modelon de „enscenigo“ de la eksponaĵoj almenaŭ en fervoja muzeo mi vidas unuafoje, kun fascina efiko. La organizintoj sukcesas konservi ne nur la objekton mem, sed ankaŭ la tempon kaj la atmosferon en kiu ĝi estis en funkcio, tiel ke sur la kajo konversacias adiaŭantaj konatoj dum la laŭtparolilo blekas avertojn kaj siblas la paŭzanta lokomotivo. Aŭ kondukisto voke interkonsentas manovrajn movojn kun la kolego en la regejo. Aŭ eksplodo disŝiras la silenton dum de bombo renversita lokomotivo kuŝas kiel senhelpa skarabo surdorse. Aŭ pasaĝeroj observas la pasantan pejzaĝon en luksa restoracia vagono regalataj de atentaj kelneroj. La koncepto certe estis realigebla nur konstruinte konvenajn halojn, decido pro kiu necesas gratuli al la muzeo.

Mi komence promenas, fine hastas de halo al halo kaj trans la subĉielan terenon ĉiam rekontrolante la horloĝon. Je mia bedaŭro la tempo disponebla dum la duontaga ekskurso neniel sufiĉas por studi ĉiun ensemblon, legi ĉiun tekston, kompreni ĉiun funkciskizon kaj sidiĝi sur ĉiu benko kie tio estas permesita. Krucon en la kalendaron kaj reveni estas mia persona bilanco.

Mi havas liberan matenon kaj volas muzeumi. *Unterlinden* post la freŝa ŝanĝkonstruo mi nepre volas reviziti kaj estas profunde impresata. Ke oni kreis ion daŭran sonas strange parolante pri konstruaĵo el la 13-a jarcento. Tamen la aldonaj domoj kaj salonoj novaranĝitaj per noblaj

materialoj trudas la konkludon ke temis pri investo por la venontaj jarcentoj. Viziton efektive ne nur valoras la konataj objektoj kiel la Grünewald-altaro kaj tiuj de portempaj ekspozicioj, sed ankaŭ la nova maniero kiel ili estas prezentataj.
La pordoj de la muzeo Bartholdi estas fermitaj kiam mi staras antaŭ ĝi. Apud la vojo al la muzeo Hansi mi eniras brokantistan vendejon, kiu logis min per afiŝo de Tomi Ungerer, la alzaca grafikisto. Mi forgesas la tempon kaj hastas al la tagmanĝo.

**Renkonto kun Alzaco**

Muzeoj en *Colmar*, muzeoj ĉirkaŭ *Colmar*, fakte Alzaco entute estas muzeo. Apetitiga urbopromeno kaj funda enkonduko de Edmond Ludwig pri Alzaco efike preparis la aŭtobusekskursojn al najbaraj urbetoj. Nun lerte elektita sinsekvo de la vizitoj zorgas lokon post loko por kreskanta miro kaj admiro. La miron meritas la modele flegitaj kaj stiltrafe ornamitaj domoj unu pli bela ol la alia, admiron la homoj, kiuj en ili loĝas ne plendante pri malaltaj plafonoj, kurbaj muroj kaj verŝajne multaj aliaj plagoj provizantaj sepcent jarojn aĝaj trabfakaj domoj.



Rodica kun la klera cikonio

Ni turistoj montras unu al alia kion ni aĉetis, poŝtkartojn, vinon, kostumitajn pupojn. Rodica klopodas eduki sian novakiritan cikonion. Ĝis nun ĝi nur kapablas ripeti diktitajn frazojn, venontan jaron eble simultane traduki?
Nia ŝoforo devas strečite labori por loki la aŭtobuson sur la malgranda parkejo apud la vitrodomoj de la papilia centro. Male por ni la vizito post multaj paŝoj sur pavimoŝtonoj estas ripozo. Nur atentaj ni devas esti. La enloĝantoj ne nur flirtas ĉirkaŭ niaj kapoj sed ankaŭ sidiĝas antaŭ niaj ŝuoj. Apude malpli spektaklaj insektokolegoj, formikoj en plasta biotopo kaj libere flugantaj abeloj, demonstras sian ĉiutagan okupon al la allogitaj turistoj. Lacaj kaj saturitaj de impresoj ni grimpas denove en niajn seĝojn.

Je la periferio de *Colmar* vidiĝas konata silueto de la severe rigardanta sinjorino kun la torĉo, laŭ grando inter la originalo kaj tiu en la enirejo de *Catherinettes*. Ĉu valoras elfosi la fotilon? La ŝoforo duan fojon ĉirkaŭas la placon por doni al ĉiu lastan ŝancon – sufiĉas por hodiaŭ.



Unu el la multaj malgrandaj fratinoj

Ekskurspaŭza tago estas rezervita por prelegoj jen informaj jen distraj kiel la entrajnaj anekdotoj de Mireille Grosjean. Kaj kiel kutime la prezidantino fermas la kongreson antaŭ ĝia fino, sursceneje disdonas diplomojn kaj kisetojn kaj transdonas la vorton al sia klera cikonio kaj poste al la pola delegacio, la kuraĝuloj kiuj invitas al la venontjara, la sepdeka IFK.

**Strasburgo**

Kulmino estu konservata ĝis la fino. La tuttaga ekskurso al Strasburgo, regiona ĉefurbo kaj eŭropa metropolo do okazas la lastan kongresan tagon. La vojo por niaj du aŭtobusoj ne estas longa kaj kondukas al centra haltejo de kiu ni promenas al la bordo de *Ill*, la traurba rivero kies nomon mi antaŭ legi devas literumi. La tempon ĝis albordiĝo sur unu el la kabrioletaj ŝipoj ni pasigas petolante en la ombro. Sur ĉies seĝo kuŝas kapaŭdiloj. La instrukcioj indikas kiun lingvon ni trovas en kiu ŝaltpozicio. Esperanto, antaŭ kelkaj jaroj ankoraŭ ofertata, malaperis kvankam la propagando tion ignoras – domaĝe. Sed tio ne ĝenu la ĝuon gliti mallaŭte sub pontoj kaj arboj en ombro kaj suno. La de baraĵo falanta akvo mildigas la varmon. La kluzo nin levas al la nivelo de la malnovaj mueliloj. Ponto cedas por nia pluveturo. La fotiloj klikas. Nin ravas la




Leviĝintaj en la *Ill*-kluzo

vivanta historio, la buntaj florkestoj, la trankvilaj ĉebordaj ripozantoj. Por rapida rigardo al la eŭropa parlamento mankas la tempo. Ni mendis nur la malgrandan rondvojaĝon kaj la tagmanĝo atendas.



La Janus-akvedukto
(Foto Traroth, WikiMedia)

Edmondo, kies gvidistan (kaj gardohundan) spertecon ni ĝuis jam en *Colmar* kaj dum la pli fruaj ekskursoj, dum li rakontas pri imperiestroj kaj generaloj, konfesioj kaj stilepokoj kondukas nin tra la katedralo, preter la opera domo, la „Akvedukto de Janus” skizita de Tomi Ungerer, simbolanta la duvizaĝan identecon de Alzaco kaj preter la Vilhelmo-stila rejna palaco kaj kvazaŭ en preteriro priskribas la apartan rilaton de la alzacanoj al siaj regantoj: Ne senrestrikta, kompara, nutranta sian identecon el francaj kaj el germanaj radikoj.
Revoje, antaŭ elbusiĝo en Obernai, Edmondo citas el *„D’r Hans im Schnokeloch“*, la neoficiala alzaca himno: „Li havas kion li volas, kaj kion li havas li ne volas, kaj kion li volas li ne havas“ kaj „li ne pensas kion li diras kaj ne diras kion li pensas“ - obstino, opozicio – ĉiakaze komplike ...

Mia postkongresa revojo hejmen estas organizita simile kiel la alvojaĝo, tra *Basel, Mannheim, Hamm*. Restas tempo ordigi la impresojn en granda kadro. La germana nacio, oni instruis al ni, naskiĝis el milito kontraŭ Francio (kaj tiel pravigis la tipan bildon de germanoj kun pikilaj kaskoj kaj soldataj uniformoj).
Tamen longan tempon antaŭe Goethe estis postlasinta spurojn en Alzaco, Herder, Gutenberg – aliaj vortartistoj kaj vortlaborantoj, kiujn mi taksis posedaĵo de la germana nacio.Kiun opinion ili mem estus havintaj pri tiu alproprigo?

**Guido Brandenburg**



# Protokolo pri la publika komitatkunsido
dum la 68-a IFEF-kongreso en Colmar (FR) 19.05.2017

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166)

NB: **Ĉiuj raportoj aperis aŭ aperos en Internacia Fervojisto**

## 1. Malfermo, konstato de la mandatoj

La Pr-ino Rodica Todor malfermas la kunsidon, salutas kaj bonvenigas la ĉeestantojn.

Ĉeestas la estraranoj:

| | | |
|---|---|---|
| Pr-ino | Rodica TODOR | (RO) |
| Sk | Vito TORNILLO | (IT) |
| Ks | Laurent VIGNAUD | (FR) |
| Rd | Guido BRANDENBURG | (DE) |
| FK | Jan U. NIEMANN | (DK) |
| Ĉk | Jindřích TOMÍŠEK | (CZ) |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

| | Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|---|
| 01 | Aŭstrio | AT | Martin STUPPNIG |
| 02 | Belgio | BE | Clara BRACKE |
| 03 | Bulgario | BG | Iskra KOPCHEVA |
| 04 | Ĉeĥio | CZ | Jindřích TOMÍŠEK |
| | Ĉinio | CN | Neniu |
| 05 | Danio | DK | Jan U. NIEMANN |
| 06 | Francio | FR | Jean RIPOCHE |
| 07 | | FR | Christian DARDENNE |
| 08 | Germanio | DE | Bodo EHRLICH |
| 09 | | DE | Karl BERNHARD |
| | Hispanio/Katalunio | ES | Neniu (ne rajtas) |
| 10 | Hungario | HU | István GULYÁS |
| 11 | Italio | IT | Vito TORNILLO |
| | Japanio | JP | Neniu |

| | | | |
|---|---|---|---|
| 12 | Kroatio | HR | Zlatko HINŠT |
| | Kubo | KU | Neniu (Ne rajtas) |
| | Pollando | PL | Wieslaw LIBNER (ne rajtas) |
| 13 | Rumanio | RO | Florin NEGREA |
| 14 | Slovenio | SI | Jovan MIRKOVIĈ |
| 15 | Gvidanto FK | Kk-ano | Ladislav KOVÁŘ |
| | **Ĉeesto de** | **12 l.a.** | **15 rajtigatoj** |

2. **Ricevitaj mesaĝoj.**
Mesaĝoj pri bondeziroj al la kongreso estis legataj dum la inaŭguro. Dum la kunveno estas menciataj nur la sendintoj. Pro manko da tempo ŝuldata al strikta fermo de la salono la mesaĝoj ne estas voĉlegataj. Mesaĝoj estas alvenintaj de la HPr Romano Bolognesi, de Ladislav Lani, Han Zuwu kaj Radio 3ZZZ el Aŭstralio.

3. **Honorigo al la mortintoj**
La Sk voĉlegas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 68-a IFK-Varna 2016 ĝis la 69-a IFK-Colmar 2017. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta starigado. Ili ripozu pace.

| **Lando** | **Antaŭ-nomo** | **Familia nomo** | **Naskdato** | **Morto-dato** | **Aĝo** | **Menci-indaĵo** |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Egon | PAWLIK | 27.02.1926 | 2016 | 90 | |
| Aŭstrio | Alfred | WEISSENSTEIN | 03.05.1922 | 2016 | 94 | |
| Belgio | Raul | HENNAUT | 1928 | 02.2017 | 89 | |
| Francio | Fernando | KINKANI NKANU | | 17.03.2017 | | |
| Germanio | Reinhold | RITTHALER | | | | |
| Germanio | Heinrich | BAUER | | | | |
| Germanio | Rolf | TERJUNG | | | | |
| Hispanio | José | BARRIOCANAL | 1933 | 28.10.2016 | 83 | |
| Hispanio | Francesco | MAS | 1923 | 22.11.2016 | 93 | |
| Hungario | Pál | HEPP | | | | Gvidanto fervojista fakgrupo de Debrecen |

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Hungario | Endre | DUDICH | | | | Honora membro de UEA |
| Italio | Vittorio | MADELLA | 06.05.1942 | 29.12.2016 | 74 | |
| Kroatio | Štefanija | FLEGAR | 13.12.1926 | 10.04.2016 | 90 | |
| Slovenio | Franc | LUKNER | 27.03.1939 | 16.09.2015 | 76 | |
| Slovenio | Anni | WIESMANN | | 26.01.2017 | | Edzino de slovena honora membro Max Wiesmann el Germanio |

**4. Estraranaj raportoj**

**4.1. Sekretario**

La Sk legas la resuman raporton. La raporto aperis en IF 2017-3.
(neniu demando, nek rimarko, unuanime aprobata)

**4.2. Redaktoro**

La Rd atentigas pri la raporto kiu aperis en IF 2017-2. Li retrorigardis la agadon pri la lastaj kvar bultenoj kun malgrandaj ŝanĝoj kompare al la pasintaj eldonoj. Li emfazas ke ĉefa rolo de nia revuo estas publikigo de fakaj artikoloj kaj raportoj aŭ kontribuoj kie fervojo ludas centran rolon. La eksRd Istvan Gulyás rimarkigis ke la nova formo de la frontpaĝo de la revuo bone aspektas kaj estas agrabla, sed la antaŭa formato estis decidita per voĉdonado de la k-o. Li invitas la k-on voĉdoni por la nova stilo.
(raporto kaj ŝanĝo unuanime aprobataj)

**4.3. Kasisto**

La Ks legas kaj prezentas la tabelojn de la kalkuloj kaj raporton kiuj aperis en IF 2017-2.
(unuanime aprobata)
La revizorino transdonas atestilon pri la financa kontrolo aprobantan la kalkulojn.

**5. Buĝeto 2018 kaj kotizkonfirmo**

Estas konfirmataj la du membrokotizoj: 9 Eŭroj por reta elsendo de la revuo kaj 15 Eŭroj por papera sendo.
(unuanime aprobata)

**6. Protokoloj de la 68-a IFK *Varna* (BG)**

La k-anoj kaj respondeculoj de l.a. ricevis la protokolojn tuj post la

kongreso, ili aperis ankaŭ en IF.
(unuanime aprobataj)

**7. Raporto de la ĉefkomitatano:**
La Ĉk legas la raporton.
(neniu demando, nek rimarko, unuanime aprobata)

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**
S-ro Jan Niemann legas la raporton kaj informas pri la apero de la Fervoj-faka Kajero n-ro 25, disdonata en papera versio po unu respondeculo el l.a. Reta versio estos dissendata al aliaj membroj kaj publikigata en la IFEF paĝaro. La kajero enhavas inter alie la prelegojn prezentitajn dum la 68-a IFEF kongreso en *Varna*.
(raporto unuanime aprobata)

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**
S-ro Ladislav Kovář legas la raporton de la Sk de FAS. Temas pri agado de Fake Aplika Sekcio kaj ties internaj aferoj:
Informa faldfolio pri IFEF – kunlaboro dum preparo
Prezentado kaj faka programo dum la 101-a UK en Nitra:
Prezento de IF kaj FFK dum Movada foiro.
Informoj pri la 69-a IFK en Colmar.
Prelegoj "Allogaj alovakaj fervojoj" kaj "ETCS en Slovakio".
Innotrans 2016 partoprenis 5 personoj.
Dum 2016 aperis 12 informiloj EFM de s-ro Tomíšek.
Kelkaj prelegoj prezentitaj dum la pasinta kongreso estis montrataj al partoprenantoj de la jarkonferenco de ĈeFEA en Prago.
Preparado de Fakaj Prelegoj dum la ĉi jara IFEF kongreso.
(raporto unuanime aprobata)

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**
S-ro Heinz Hoffmann legas la raporton de la Sk de TS. La Terminara Sekcio sukcesis esperantigi dum la lasta jaro preskaŭ 200 tradukitajn difintekstojn, kiujn povas legi nur korespondantoj de UIC kvankam la terminara stato estis ĝisdatigita je Novembro 2015.
La Terminara Kuriero depost la lasta kongreso aperis dufoje. Ĝi nun aperas ankaŭ en la paĝaro ifef.net.
(raporto unuanime aprobata)

**8.4 Statutrevizia Komisiono:**
La e-o prezentis al la k-o la modifojn de la teksto de la Ĝenerala kaj de la

Kongresa Regularoj.
(vd. tagordan punkton 12)

**9. Raportoj de la komisiitoj**

**9.1 Komitatano „A" de IFEF ĉe UEA.**

La Pr-ino legas la raporton pri sia laboro kiel K-ano "A" ĉe UEA en la jaro 2016. En IF 2016-6 kaj 2016-5 ŝi prezentis detalan raporton pri agado kaj kongreso en Nitra. La kongreso ofertis laborplenan kaj ege densan programon por komitatanoj, kiuj kunsidis en tri komitatkunvenoj kaj en ses komitataj forumoj. Ĉijaran UK-on nia Pr-ino ne partoprenos.
(raporto unuanime aprobata)

**10. Resumo de la jarraportoj 2016 el la landaj asocioj**

La Sk legas la raporton, ĝi aperos en nia revuo "Internacia Fervojisto". Plendoj venas pro la fakto ke kelkaj l.a. ne raportis akurate laŭ la demandilo sendita de la Ĉk; pro tio kelkaj statistikoj ne reprezentas la realan IFEF-situacion. Kelkaj l.a. eĉ ne sendis la raporton.
(jarraporto unuanime aprobata)

**11. Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**

La ĉijara cirkulero de la Ĉk pri la jarraporto de l.a. enhavis demandon: "Konkretaj proponoj" por la strategia laboro de IFEF, malmultaj respondis al ĝi. Laŭ strategia laborplano la l.a. kunlaboru kun aliaj l.a-oj.
S-ro Mirkoviĉ el Slovenio proponas organizi infan-somerumadon por gefiloj de fervojistoj el diversaj landoj en fervojaj strukturoj.
S-ro Hoffman el Germanio instigas ĉesigon de IFEF kiel federacio kaj transformon en asocion. Faka komisiono estru la asocion kaj organizu kunvenojn kaj fakan laboron.
La estraro formulos ĝeneralajn gvidliniojn por inspiri la l.a.
La kuba sekcio anoncis ke ekde la jaro 2016 ĝi ne plu ekzistos pro manko de fervojistoj en la asocio mem, sed ke la Pr. de la Kuba Asocio de Esperanto pretas ĝin restarigi se fervojistoj tion deziros en la kuba movado.
Ankaŭ BEFA anoncis ke ekde la jaro 2017 la asocio malfondiĝos pro la manko de ligo al la fervojo kaj ĉar la fervojistoj estas malpli ol la duono de la membroj kaj la esperanta grupo tial estingiĝas en la FISAIC-sekcio. Tio okazu laŭ la intenco de la BEFA-Pr Lucien De Sutter. IFEF esperas ke la membroj de BEFA restarigos la asocion alimaniere.
Por pli bone varbi pri IFEF dum internaciaj renkontiĝoj estas denove prezentata reklamilo-faldfolio kun informoj pri nia federacio. Ĝi estas prizor-

gita de ni mem por modifi ĝin senpere de la grafikisto, ĉimaniere oni povos adaptigi ĝin al la naciaj lingvoj. Diskuto pli ampleksa okazos dum la IFK-programero "Movadaj aferoj".

**12. Kongresproponoj:**

**Proponataj ŝanĝoj en la Ĝenerala Regularo de IFEF**
**§ 10, Aliĝkondiĉoj**
La minimuma membronombro por aliĝo kiel landa asocio sen komitatano, estas 5 (kvin); por havi komitatano(j)n vidu sube § 12 1) a).
Aldono:
Membriĝo estas ebla por minimume du sinsekvaj jaroj.
(unuanime akceptata)

**§ 10 Al 3)**
a) La jarkotizo(j) por la kuranta administra jaro (§ 5) pagendas al la IFEF-kasisto de la landaj asocioj kaj de individuaj membroj ĝis la fino de la jaro mem. Rekomendindas pago ĝis la plenkunsido en la kongreso de la kuranta administra jaro.
Interŝanĝo kontraŭ
a) La jarkotizo(j) por la kuranta administra jaro (§ 6) pagendas de la landaj asocioj kaj de individuaj membroj al la IFEF-kasisto ĝis la 31-a de Januaro. La novaj membroj pagas la kotizon de la kuranta administra jaro kiam ili aliĝas. La landa asocio indikas al la IFEF-kasisto ĝis la 31-a de Januaro la nomojn de la membroj por kiuj oni pagos.
(unuanime akceptata)

**§ 13, Konsisto kaj elektoj de la komitato**
**§ 13 Al 1) kaj 2)**
a) Komitatanoj, ties anstataŭantoj kaj kromkomitatanoj devas esti aktivaj, emeritaj aŭ estintaj fervojistoj aŭ personoj el asimilitaj entreprenoj.
Ili devas esti IFEF-membroj kaj devas skribe deklari pretecon konservi la oficon dum la trijara laborperiodo.
Interŝanĝo kontraŭ:
a) Komitatanoj, ties anstataŭantoj kaj kromkomitatanoj devas esti IFEF-membroj dum du jaroj kaj devas skribe deklari pretecon konservi la oficon dum la trijara laborperiodo.
(unuanime akceptata)

**§ 13 Al 3)**
La elekto de kromkomitatanoj okazas en jaro post estrarelekto.
Interŝanĝo kontraŭ
La elekto de kromkomitatanoj okazas en jaro antaŭ estrarelekto.
(unuanime akceptata)

**§ 17: Elektoj**
e) La kandidato(j) devas esti aktiva(j) aŭ emerita(j) fervojisto(j) kaj havu spertojn en la federacia laboro. Ili havigu al la ĉefkomitatano, plej malfrue ĝis 31-a de Decembro antaŭ elektojaro, deklaron pri sia preteco partopreni en la kunsidoj de estraro kaj komitato dum la koncerna oficperiodo.
Interŝanĝo kontraŭ
e) La kandidato(j) havigu al la ĉefkomitatano, plej malfrue ĝis 31-a de Decembro antaŭ elektojaro, deklaron pri sia preteco partopreni en la kunsidoj de estraro kaj komitato dum la koncerna oficperiodo.
(unuanime akceptata)

**Proponataj ŝanĝoj en la Kongresa Regularo de IFEF**

**B) Organizado:**
5) h) La LKK senpage disponigu taŭgajn salonojn por ĉiuj kunsidoj
interŝanĝo kontraŭ:
5) h) la LKK disponigu taŭgajn salonojn por ĉiuj kunsidoj
(unuanime akceptata)

**C) Kongresanoj:**
8) Por publikigi la adresojn de la kongresanoj, necesas konsento de la estraro.
interŝanĝo kontraŭ:
Por publikigi la adresojn de la kongresanoj, necesas ilia antaŭa konsento.
(unuanime akceptata)

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC, UIC, ILEI, SAT, UMEA, ISAE, TAKE - IKEF.**

**13.1 UEA**

La Pr-ino ne partoprenos la UK-n en Seŭlo. La Sk jam mendis tablon por la Movada Foiro (sabaton vespere) kaj la salonon por la fervojista kontakt-kunveno kvankam ne estis certa partopreno de IFEF-membroj. Iskra Kopcheva sin disponiĝis por ĉeesti dum la Foiro kaj informi pri IFEF. Pri la kunveno necesas decidi surloke.

La rilatoj kun UEA estas tre bonaj. En Julio 2016 la Pr-ino reprezentis IFEF en UK en Nitra kiel K-ano “A” ĉe UEA (vd. tagordan punkton 9.1)

**13.2 FISAIC**

Ekde la unua de Januaro 2017 FISAIC havas novan Ĝeneralan Sekretarion. Ne temas pri ordinara okupo de posteno ĉar la nova Sekretario estas la IFEF-estrarano Jan Niemann, kiu akceptis la taskon kun helpo de la edzino Lene kaj kun subteno de IFEF. Por IFEF estas honoro scii lin en tiu funkcio. Tiu ŝanĝo povas esti instigo por ambaŭ federacioj strikte kunlabori por atingi rezultojn. IFEF povas ludos gravan rolon en la internaciaj rilatoj.

La unua videbla ŝanĝo estas ke la sendo de informiloj estas farita en kvar lingvoj, unue la du oficialaj laborlingvoj, germana kaj franca, tuj poste Esperanto kaj fine la angla. Ĉimaniere ĉiuj ricevintoj povas konstati ke Esperanto utilas en la informado.

La jara FISAIC-asembleo okazis en Septembro en la urbo Saint-Mandrier, apud Toulon (FR). Ĝin partoprenis la IFEF Pr-ino reprezentante nian federacion.

Prezidia kunsido okazos en Bad Tölz de la 31-a de Aŭgusto ĝis la 3-a de Septembro 2017. Ĉeestos por IFEF Jan Niemann kaj eble iu germana kolego.

En la jaro 2018 ekde la 6-a ĝis la 9-a de septembro FISAIC okazigos Internacian Festivalon en urbo Wels en Aŭstrio. Ankaŭ IFEF anoncis partopreni kun inform-budo kaj ekspozicio pri Esperanto, eventuale ankaŭ kun propra muzika kontribuo. Ĝi estos bona okazo por la IFEF membroj kaj estraro kunveni tie.

**13.3 UIC**

Kvankam UIC planis, ĉiujare eldoni aktualigitan version de sia porklienta reta terminaro RailLexic, tio ankoraŭ ne okazis. La stato de la terminaro estas ankoraŭ tiu de Novembro 2015.

UIC kaj FISAIC subskribis memorandon pri interkonsento, pri kunlaborado inter la du institucioj okaze de internaciaj eventoj.

**13.4 Rilatoj al aliaj E-organizoj**

**ILEI:**

La rilatoj bone daŭras. Dum la UK en Nitra nia Pr-ino havis rilatojn kun multaj ILEI membroj, sekve de tio dum la kongreso en Colmar partoprenis Mirelle Grossjean, Pr-ino de ILEI per distra kaj instrua vespero. Ankaŭ la kurso por komencantoj, al kiu partoprenis dek personoj, estis gvidata de ILEI membro. Kunlaboro venis/venos en nia laborgrupo pri instruado.

**ISAE:**

Nenio nova, fakaj informoj aperas en la paĝaro de STEB, prizorgita de ISAE.

**SAT:**

Okazas interŝanĝo de la revuoj. Nia kolego Bruno Henri estas ĝia kasisto kaj ni havas informojn freŝajn ankaŭ pere de li persone. La venonta SAT-kongreso okazos apud Seŭlo ekde la 29-a de julio, tuj post la UK. Ĝis nun ni ne havas informojn pri la partopreno de IFEF membroj, sed tutcerte se iu partoprenos, li salutos nome de IFEF.

**UMEA:**

La rilatoj daŭras pere de interŝanĝo de la revuoj kaj de utilaj informoj ambaŭflanke. La ĉina kolego Xu Mingda, medicinisto ĉe fervoja saniga servo en Ĉinio, prelegis pri la “san-administrado por fervojistoj”. Li ne estas membro de UMEA sed temas pri medicinaj rilatoj al fervojo.

**TAKE - IKEF:**

Grava kunlaboro kun la du asocioj ekestis de la pasinta jaro, danke al sindonema helpo de la Pr. Michel Basso pri la bona sukceso de nia kongreso en Colmar. La helpo de la aliaj membroj estis bone videbla de ĉiuj partoprenantoj pere de la eldono de speciala numero de la revuo de TAKE kun priskriboj pri konstruado de 10 fervojaj stacidomoj en Eŭropo, inkluzive tiuj de *Colmar* kaj *Wroclaw*.

Unu el la ĉefaj prelegoj estis farita de Pierre Grollemund pri la tegmento de la *colmara* stacidomo.

**13.5 El Popola Ĉinio - Heroldo de Esperanto:**

Pasintajn monatojn alvenis petoj de kunlaborado el la du famaj revuoj. EPĈ jam aperigis artikolojn rilate al IFEF kongresoj, antaŭe kaj poste, kaj senditaj de niaj membroj. Ankaŭ IFEF aperigis en sia paĝaro artikolojn de EPĈ pri fervojo. HdE renoviĝis ek la komenco de la jaro, pro tio ĝi serĉas informojn pri E-asocioj kaj fakaj artikoloj. Laŭ eble IFEF-membroj sendos al ili artikolojn.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 70-a IFK en 2018**

Venonta IFK okazos en Pollando, Silezio, en urbo *Wroclaw* (Vroclavo); la LKK konsistas el lokaj esperantistoj kiuj ne estas fervojstoj kaj el niaj kolegoj de PEFA. La LKK prezentis filmon kaj dokumentojn preparitajn kaj jam dum la kongreso akceptis kelkdekon da aliĝoj.

(unuanime aprobata)

**14.2 Elekto de lando por la 71-a IFK en 2019**

Por la jaro 2019, okazis interparolado kun amikoj de Andaluzio en Hispanio kiuj jam esploris la eblecon organizi la IFEF kongreson, kvankam ili estas ne fervojistoj. Ĝi povus okazi samtempe kun la nacia kongreso de Esperanto.

**14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj**

Oni esploros aliajn eblecojn por la venontaj jaroj ene de naciaj asocioj kiuj povus inviti nin kongresi per memstara aranĝo aŭ dum ilia nacia kongreso, se ĝi kongruas kun nia kutima organiza periodo.

**15. Raportoj de la laborgrupoj**

Laborgrupo pri eksteraj rilatoj de IFEF: Ĝin bone prizorgas nia Pr-ino. Ŝi partoprenas diversajn esperantajn aranĝojn eksterlande kaj ŝi ne perdas la okazos paroli pri IFEF kaj kunlaborado.

Laborgrupo pri rilatoj interne de IFEF: Jindrich Tomíšek kolektis kaj starigis liston pri landaj kunvenoj, ĉu pri jaraj kunvenoj de l.a., ĉu pri fervojaj aŭ pri organizitaj kunvenoj de niaj membroj. Celo estas kunordigi ilin por ne okazigu samtempe, ĉimaniere oni povos interŝanĝi eksterlandajn gastojn kaj farigi landan kunvenon internacia.

Laborgrupo pri historio kaj arkivo de IFEF: Jan Niemann prezentis raporteton pri la agado de la grupo kaj de la atingita ŝtupo, nome la realigado de manlibro pri efika arkivado de libroj kaj aliaj esperantaĵoj.

La tasko estis parte plenumita en ifef.net per aperigo de multaj malnovaj dokumentoj skanitaj kaj nove faritaj je dispono de ĉiuj.

Laborgrupo pri informado: Ladislav Hakl sendis raporteton pri la agado de la grupo. La paĝaro ifef.net estis ne ofte sed regule nutrata per informoj, aldono de dokumentoj kaj fakaj artikoloj. La IFEF paĝo kaj grupo ĉe Facebook estas regule provizata per fakaj kaj esperantaj informoj, ĉefe pri la kongreso. La ŝatantoj estas pli ol 550, kaj averaĝaj vizitoj estas kontentigaj. La ifef-diskutlisto estas regule nutrata de Leopold Patek kun aldono de aliaj membroj ĉefe pri oficialaj informoj.

Dum la kongreso estis starigita informadika ateliero por bazaj kaj praktikaj informoj pri la uzado de popularaj programeroj sur komputilo kaj saĝtelefono. Ĝin ĉeestis 17 homoj.

Laborgrupo pri financado de projektoj: Ladislav Kovář sendis raporteton pri la agado. Ĝis nun ne eblis aktualigi projektojn kun financado de EU, ĉar ne estis taŭgaj kondiĉoj por ricevi financan subtenon el eŭropaj fondusoj. Nun ekzistas programo de Eŭropa Unio kun nomo Erasmus+ por periodo

2014-2020, kiu subtenas kunlaboron kaj ŝanĝpretecon en ĉiuj sferoj de klerigado, faka preparo, sporto, junularo kaj neformala klerigado. En tiu senco estas agentejo Kosmo Strategio, kiu povos helpi nin en realigado se ni proponos projekton. Nia kolego Jaroslav Matuška jam havis spertojn en tiu kampo kun junuloj el universitato kie li deĵoras. Se ni trovos junulojn el almenaŭ tri diversaj landoj en aŭtuno ni povus realigi ĝin en Pianoro, apud Bologna, ĉe la sidejo de la asocio "La Insulo de la Rozoj" de s-ro Martelli.

Laborgrupo pri instruado: La agado de la laborgrupo estas nacie farita per diversaj kursoj. Pro familiaj problemoj de la respondeculino la kunordigado iomete stagnis.

**16. Eventualaĵoj**

Pro manko de tempo pri la agado de la laborgrupoj oni prokrastas la diskutadon ĝisla kunveno "Movadaj Aferoj"(ne temo de ĉi tiu protokolo).

**17. Libera diskutado**

Nenio. Manke de aliaj intervenoj, la Pr-ino fermas la kunsidon.

**Colmar, 19.05.2017**
**La sekretario, Vito Tornillo**



## Colmar valoris vojaĝon

Letero de leganto

Ĉefe por fervojistoj, sed ĝenerale por trafikil-ŝatantoj Colmar kaj ties regiono estas unika "trezoro". Ĝuste en tiu "sunumis" IFEF – kongresinte printempe!

Viziteblas la plej granda eŭropa fervojmuzejo kaj tute proksime la aŭtomobila kaj la fajrobrigada muzeoj! Simile historia aspektas la ĉarma urbo mem, ekipita per strataj trajnetoj – romantika kaj gastema. Kiel moviĝema kaj esplorema homo mi vagadis dum libera tempo, ofte jam frumatene, tra la stratoj – foje eĉ ĝis la stacidomo, por kontroli ankaŭ la tiean apartan konstrumetodon.

Feliĉe mi renkontis homojn, kiuj ne nur afable informis min, sed ankaŭ ekinteresiĝis pri miaj belaspektaj insignoj, tiel ke mi fine sukcesis konvinki kelkajn por nia movado.

Unu eĉ aliĝis jam surloke. Dua estis evidente impresita de Esperanto.
La kongresinsigno ja vere estis trafe farita kaj pri niaj Esperanto-insignoj ni ankaŭ ne devas honti! Kun bedaŭro oni devas konstati, ke eĉ niaj aktivuloj ne plu portas ĝin! Elstaraj trajnaj konduktoroj jam plurfoje demandis min, ĉu tiu nia movado eble jam pli kaj pli malaperas?
Stranga mondo, ekzistas homoj kiuj kvazaŭ hontas porti idealisman insignon kaj alikaze prezentas sin homoj ĉiugradaj en freneze disŝiritaj ĝinzoj! Tiel influebla estas la homaro!
Restas la demando kial Esperanto ne sukcesas pli disvastiĝi, konforme influante la homojn? Kontraŭe, la movado bedaŭrinde pli kaj pli ŝrumpas! El kongresoj iĝas kongresetoj, kion mi komencis alludi en Colmar, prezentante proprajn mankojn kaj eblajn solvojn. Sed min silentigis nia prezidantino, ĉar tio "sonas" laŭdire tro pesimisme. Prefere ni subiru optimisme kaj daŭrigu fuŝe, ne presigu okulfrapajn varbilojn. Por ŝpari paperon kaj afrankon, uzu gazetare la apenaŭ plu legeblan skribnormon. Praktiku mortigan ŝparadon, ĉar neniu plu emos legadi tiel presitajn produktojn!
Bone, ke la IF-redaktoro ne iras tian vojon!
Do almenaŭ inter ni, ni ne fanfaronu kaj anstataŭe prilumu la realecon!
Estas konate, ke mi libere tuŝas ankaŭ la negativajn flankojn. Estraranoj evidente eĉ ne kuraĝas „admoni" malbone kompreneblajn oratorojn, ke ili parolu klare kaj al la direkto de la aŭskultantaro. Sama manko konstateblas, bedaŭrinde, ankaŭ ĉe niaj unuopaj komisionaj gvidantoj! Oni ne miru, ke la aŭditorio restas kvazaŭ malplena kaj la intereso al la plua kongresado pli kaj pli malaperas!
Tute inversan ekzemplon prezentis ĉi-foje preleginto pri la historio de Elzaco. Li prelegis mirinde longe, korekte, kompreneble kaj direktita al la aŭskultantaro. Nur laŭ la ĝenerala regulo – rilate la homan atentecon - iom tro longe! Tamen la restintaj ĉeestantoj atenteme silentis, ĉar ili ja interesiĝis pri la plej grava loka temo! Temo, aktuale bezonata ankaŭ por la "praktikaj lokaj ekskursoj"!
Tiusence ankaŭ mi plejeble profitis la restadon en tiu sendube interesa regiono. Sinceran dankon al la Loka Kongresa Komitato!

**Martin Stuppnig, Honora Membro de IFEF**